Jaro VI * N.° 63ª    Marto * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



## Vª Internacia Esperantista Kongreso—Barcelono

**5ª - 11ª Septembro 1909ª**

*IIª Cirkulero pri la Vª Internacia Esperantista Kongreso*

AL LA ESPERANTISTATO:

Jam pasis unu monato, de kiam ni dissendis la unuan cirkuleron; la dato de la kongreso alproksimiĝas laŭ gigantaj paŝoj: tion ĉi ni ne forgesas, kaj ni senĉese laboras. Ni deziras ke, ankaŭ tiu rapida alproksimiĝo ne estu forgesata de la aliĝontoj al la kongreso, kies Komitato, kiel estas dirite, disvendas la kartojn po 10 frankoj (4 sm) ĉiu.

Ni havas la plezuron sciigi ke, oni jam proponis por la karto numero 1, la kvanton de 20 frankoj (8 sm): ni notis la nomon de la proponanto S.ro Edward Martins en la listo kiu estos fermata kaj ekzamenata la 5an tagon de Aŭgusto je noktomezo.

Ĉar la sendo de mono al nia kaso estas malfacila pro la manko de internaciaj poŝtmandatoj en hispana poŝtadministracio, ni konsilas niajn samideanojn sendi la monon kun la aliĝo al unu el la jenaj sinjoroj, kiuj tre ĝentile proponis al ni sian servon:

*Centra Oficejo.*—51, Rue de Clichy. Paris.
S.ro Carlo Bourlet.—*La Revuo.*—79, Boulevard St. Germain. Paris.
Barono F. de Ménil.—*Franca Esperantisto.*—46, Boulevard Magenta. Paris.
S.ro H. F. Höveler.—*Ĉefbanko Esperantista.*—Merton Abbey. London S. W.

*Loĝado.*—Kutimo estas en nia lando, manĝi en la sama hotelo kie oni dormas; do, la prezo de loĝado kiun ni atingis de la «Societo de Hotelestroj», rajtigas al ĉambro kaj al la ĉiutagaj tri manĝoj.

La diferenco de prezoj rilatas nur al komforto, sed ni povas diri ke, hoteloj por la plej malalta prezo (klaso A), estas jam kvankam simplaj, tre konsilindaj al ĉiu.

Jen la prezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Klaso A. | Dormoĉambro kaj maten- tag- kaj vespermanĝo, po persono. | 5 frankoj. |
| » B. | » » » » » » » » | 7'50 » |
| » C. | » » » » » » » » | 12'50 » |

**Formuloj por sendi mendon de kongreskarto kaj (aŭ) loĝado kaj eldonajoj de la Komitato al la nomitaj sinjoroj:**

S.ro (N.);

Bonvolu mendi je mia nomo, al la Organiza Komitado de la V[a] Kongreso, unu kongreskarton: mi kunsendas al vi la pagmonon. . . . 10 frankojn.

Bonvolu mendi je mia nomo, septagan bileton por loĝado, klaso.......; mi kunsendas al vi la pagmonon. . . . . . . . . . . . . . . . . . ... »

Bonvolu ankaŭ mendi je mia nomo,........... ekzemplerojn de la oficiala poŝtkarto n.° 1, kaj... ...... de n.° 2: mi kunsendas al vi la pagmonon. ... »

Subskribo,

(Nomo de la mendanto, plena adreso, profesio, nacieco).

Por havigi monon al la kongresa kaso, la Komitato eldonis du poŝtkartojn, unu por la plena Komitato (n.° 1), kaj alian por la «Floraj Ludoj» (n.° 2). Ili estas vendeblaj laŭ tiu ĉi tarifo:

Poŝtkarto n.° 1, 5 centimojn ekzemplero. } Aldonu 5 centimojn po deko
» n.° 2, 10 » » } da kartoj por la afranko.

La Subkomitato de la «Floraj Ludoj» kiu tre fervore laboras por la sukceso de tiu grava festo, konsistas el;

D.ro Zamenhof, Honora Prezidanto; S.roj Carlo Bourlet kaj G. Vila Roca, Prezidantoj; S.ro J. Pujol, Sekretario; F.ino Maria Mas, D.ro René Artigues, Barono F. de Ménil, Komitatanoj.

Klarigoj pri la laboro kaj decidoj de la Sub-komitato de la «Floraj Ludoj», estos sciigataj per tuj aperonta cirkulero kiu estas jam en presejo.

Rilate al la vojaĝo, ni sciigas ke, en la nuna momento, estas specialaj biletoj por kongresanoj, tre malkaraj, sed, ĉar oni avertis nin ke la prezo estos ŝanĝata post nelonge, ni prokrastas diri la definitivan koston ĝis kiam tiu ĉi afero estos firme decidita.

Ĉio aŭguras ke la Barcelona Kongreso estos la plej granda sukceso atingita de Esperanto: eĉ la nomoj helpas nin!!! vidu!

Mi**K**aelo. . . . . . . Cas**E**s.
Alf**O**nso. . . . . . . . . **S**abadell.
Frede**R**ich. . . . . . . . . **P**ujulá.
J**A**ume. . . . . . . Sal**E**s.
Ger**M**aine. . . . . . . . **R**ebours.
Ger**O**ni. . . . . . . . Vil**A**.
Jasci**N**to. . . . . . . Bremo**N**.
R**A**mon. . . . Claramun**T**.
Car**L**o. . . . . . . . . B**O**urlet.

Por la *Loka Organiza Komitato*
La Prezidanto de «Propaganda Fako»,
D.ro J. Bremon Masgrau.

# INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

## ANTAŬPAROLO

En niaj pireneaj landoj ekzistas jam de longa tempo ĉarma kutimo.

Ĉiujare estas organizata publika konkurso inter la poetoj.

La temoj proponitaj estas ĉiam la samaj: verki poezion pri Amo, pri Fido kaj pri Patrujo.

La ordinaraj premioj konsistas el *floroj* ĉu naturaj ĉu artefaritaj; jen kial la konkurso estas nomita *Floraj ludoj*.

La disdonado de la premioj estas grava solena festo, kiun ĉeestas ĉiuj landanoj. La unua premiito, tiu, kiu verkis la plej belan poezion pri *amo*, havas rajton kaj devon elekti unu sinjorinon, kiel *Reĝinon de la Festo*, kaj la ĉarma Reĝino prezidas la feston kaj disdonacas la premiojn al la feliĉaj venkintoj de tiu literatura altspirita batalado.

La organiza komitato de la Kvina Internacia Esperantista Kongreso opiniis, ke tiu pirenea kutimo povus esti taŭga modelo por ĉiujara internacia literatura festo, okaze de niaj ĉiujaraj internaciaj kongresoj.

Sed, jam de du jaroj, nia ĉefa literatura gazeto *La Revuo*, kiun nia Majstro honoradas per sia konstanta kunlaborado, organizis literaturajn konkursojn, kiuj rimarkinde bone sukcesis, kaj kies premiojn oni disdonis en solena festo, kiu fariĝis unu el la allogaĵoj de niaj kongresoj.

Tial la Barcelona Komitato kaj la kataluna grupo *Vilasara Stelo* interkonsentis kun la Redakcio de *La Revuo* por pliĝeneraligi la ĉiujaran konkurson de tiu grava gazeto, kaj ĝin aliformigi en ĉiujaran konkurson nomatan *Internaciaj Floraj Ludoj*.

Kompreneble, ni kiel eble plej konservis la karakteron de la pireneaj floraj ludoj, ŝanĝinte ĝin nur en tia grado, ke ĝi estu internacia.

Ni do decidis, ke:

1e Estos *ordinaraj temoj*, esperebie ĉiamaj, kiuj verŝajne restos de nun ĉiam la samaj, dum la estontaj Floraj Ludoj: Verki poezion pri Amo, pri Fido kaj pri Homaro.

2e Krom tiuj ordinaraj temoj, estos *eksterordinaraj temoj* proponitaj laŭvole de diversaj personoj, societoj aŭ gazetoj.

3e La disdonado de l' premioj okazos dum la kongreso kaj estos unu el la ĉefaj festoj de nia tutmonda kunvenego.

Kompreneble, ni respekteme observos la kutimon, kaj Reĝino de la festo, elektita de la unua poeto pri *Amo*, prezidos apud nia honorata Majstro D.ro Zamenhof, kiu bonvolis akcepti honoran prezidantecon de tiu grava festo.

Nun poetoj, prozistoj, literaturistoj ĉiulandaj laboradu!

Ĝis baldaŭ en Barcelono, kie la floroj vin atendas!

La Prezidanto de la organiza Komitato,
Frederich Pujula y Vallés.

## ĜENERALA PROGRAMO

**Kondiĉoj de la Konkursoj.**—Ĉiuj temoj devas esti traktitaj en originala formo. *Nenia traduko estos akceptita.*

La plena aŭ parta publikigo de iu ajn verko premiita, antaŭ la dato de la festo, nuligos la premion.

Unu sama verko ne povas partopreni en pli ol unu konkurso.

La premiitaj manuskriptoj apartenas, *dum unu jaro* post la festo, al la personoj aŭ societoj, kiuj donacis la premion.

Se post unu jaro tiuj donacintoj ne publikigis premiitan verkon, la verko refariĝas plena propraĵo de la aŭtoro, kiu povos ĝin publikigi laŭ sia bontrovo.

La nepremiitaj manuskriptoj estos resenditaj al la aŭtoroj, kiuj ilin petos, kondiĉe, ke la aŭtoroj sendos la monon necesan por la poŝta afranko.

Ĉiu konkursanto estas petata:

1e Skribi *legeble* sian verkon sur *unu flanko* de l' papero.

2e Meti en sia manuskripto nenian signon, nenian vorton, nenian aludon pri sia nomo, loĝejo aŭ nacieco.

La konkursoj devas esti severe *anonimaj*.

3e Skribi sur la unua paĝo de la manuskripto iun *devizon* aŭ *epigrafon* kaj la *titolon de la konkurso*, kiun celas la aŭtoro.

4e Aldoni al la manuskripto *fermitan* koverton entenantan paperon, sur kiu estas skribitaj la nomo kaj plena adreso de la aŭtoro, kaj sur kies ekstera flanko estas kopiita la *devizo* aŭ *epigrafo* de la manuskripto.

5e Meti la tuton (manuskripton kaj koverton) en koverton, kaj ĝin sendi al la Redakcio de *La Revuo*, Hachette et Cie, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris, *antaŭ la unua de Julio 1909*, per rekomendita poŝto.

**Sciigoj pri ricevo.**—Ĉar la manuskriptoj estos sennomaj, kaj la kovertoj entenantaj la nomojn de la aŭtoroj estos malfermitaj nur post la fina juĝo de la konkursoj, la komitato, nesciante la nomojn de la sendintoj, ne povos ilin persone sciigi pri la ricevo de iliaj manuskriptoj.

Tamen, por ke ĉiu konkursanto povu kontroli, ke lia manuskripto ne perdiĝis, *La Revuo* kaj aliaj gazetoj publikigos ĉiumonate, ĝis Julio, la devizojn aŭ epigrafojn de la ricevitaj manuskriptoj.

## KOMITATO KAJ JUĜANTARO

**Komitato.**—La rolo de la Komitato de la Floraj Ludoj, jam konata de la Esperantistoj, estos: ricevi la manuskriptojn, konservi la kovertojn entenantajn la nomojn de la konkursantoj, dissendi la manuskriptojn al la juĝantaro, rekolekti tiujn manuskriptojn post la juĝo, kontroli poste la nomojn de la premiitoj kaj ilin sciigi, fine organizi la feston de l' disdonado de l' premioj.

La Komitato neniel partoprenos la juĝon.

**Juĝantaro.**—La juĝantaro konsistas el famaj Esperantistoj elektitaj de la Organiza Komitato de l' Kongreso laŭ propono de l' speciala komitato de Floraj Ludoj.

Juĝanto en unu konkurso ne povos kompreneble partopreni en tiun konkurson, sed povos partopreni en alian.

## TEMOJ KAJ PREMIOJ

Ĉi sube ni publikigas le definitivan liston de la proponitaj temoj kaj de la respondaj premioj.

La Esperantistoj kun granda ĝojo konstatos la gravecon de tiu listo kaj la eminentecon de la donacintoj.

En la Kongreslando, Gereĝoj, Ministro, Rektoro de Universitato, Episkopo, Urbestraroj, Deputatoj, gravaj gazetoj, honoris niajn Florajn Ludojn per donacoj.

En la Esperantistaro, nia kara Majstro, la plej famaj societoj kaj gazetoj bonvolis kunhelpi.

Al ĉiuj la Organiza Komitato adresas sian plej varman dankon.

## 1.—Ordinaraj Temoj.

1.—«Esperantista Societo en Vilassar-de-Mar».—Poezio pri Amo.—*Bukedo el naturaj floroj.*

2.—«La Revuo».—Poezio pri Homaro.—*Arĝent-orita floro.*

3.—«Kongresa Komitato».—Poezio pri Fido.—*Arĝenta violo.*

## 2.—Temoj proponitaj de kongreslandanoj.

4.—«Iliaj Majestaj Moŝtoj la Gereĝoj de Hispanujo, Alfonso XIII kaj Victoria Eugenia de Battenberg».—Monografio pri hispana pentristo.—*250 pesetoj.*

5.—Lia Moŝto «Johano de la Cierva,» hispana ministro de Enlandaj Aferoj.—Raporto pri memorinda paĝo de l' historio.—*Kolekto da esperantaj verkoj.*

6.—Lia Moŝto «La Barono de Bonet,» rektoro de la Barcelona Universitato.—Ĉu estas necesa la lernado kaj propagando de internacia lingvo?—*100 frankoj (Sm 40).*

7.—Lia Moŝto «D.ro Johano B. Benlloch,» episkopo de Urgell.—Religia temo.—*Arta objekto.*

8.—Lia Deputata Moŝto «S.ro T. Rius y Torres».—Aro da popolaj rakontoj.—*50 pesetoj.*

9.—«S.ro Alfonso Sabadell,» prezidanto de la Grupo Esperantista Barcelono.—Taŭgeco de la esperantistaj kongresoj por la disvastigado de la interna ideo de Esperanto.—*Arĝenta poŝmonujo.*

10.—«S.ro Johano Rosals,» ĝenerala esperanta konsulo en Barcelona.—Tri broŝuretoj por propagandi Esperanton: unua por la laboristaro, dua por la mezklasa popolo, tria por la kleruloj.—*25 frankoj.*

11.—«S.ro Ramon Tobella,» de la esperanta presejo «Tobella i Costa».—Esperanto, bona ilo internacia por propagandi la literaturajn ĉefverkojn.—*Arta objekto.*

12.—«La Vilasara Urbestraro».—Temo lasita al elekto de la konkursanto (prozaĵo).—*Arta pokalo.*

13.—«La Barcelona Deputataro».—Temo lasita al elekto de la konkursanto.—*Gravega ekzemplero de la Katedralo de Barcelono.*

14.—«Centre Autotomiste de Dépendents del Commerç i de la Industria».—Tezo pri la societa devizo «Edukado, Mutualismo, Naciismo«.—*50 pesetoj.*

15.—«La Societat d' Atraccio de Forasters».—Barcelono, taŭga vintra restejo.—*Arta objekto.*

16.—«Hispana Societo por la propagando de Esperanto».—Originala monologo prezentebla.—*25 frankoj.*

17.—«Espero Kataluna».—Al la plej bone verkita aro da dek-du rakontoj, longaj je duona ĝis tuta presita paĝo, gradigitaj por praktika legado ĉe esperantaj kursoj.—*50 pesetoj.*

18.—«La Grupo Esperantista» Barcelono.—Resuma historio de disvastigado de Esperanto.—*Arta objekto.*

19.—«Esperanto kaj Patrujo,» esperantista grupo en Barcelono.—Esperanto kiel diskonigilo de ideoj.—*Arta objekto.*

20.—«La Biblioteko» *Joventut.*—Noveleto pri naciaj kutimoj.—*100 pesetoj.*

21.—«Bonanova Stelo, esperantista grupo en Bonanova.—La maro.—*Arta objekto.*

22.—«Paco kaj Amo,» esperantista grupo en Gracia.—Esperanto, kiel simbolo de Paco kaj Amo.—*«La Faraono» lukse bindita.*

23.—«Societo Esperantista de Igualada».—Gloro al Kolumbo! eltrovinto de la nova mondo.—*Arta objekto.*

24.—«Esperanta Semo,» esperantista societo en Sabadell'o.—Prozaĵo, kiu elpruvos la emon de esperanta lingvo konservi kaj plifirmigi la naturajn lingvojn.—*Exlibris de la societo bronze farita.*

25.—«Vika Esperantistaro».—Originala fablo.—*50 pesetoj.*

26.—«Nu!!» kataluna grupo en Parizo.—Bonhumora rakonto.—*Aro da katalunaj objektoj.*

27.—«Esperanta Fortuno,» grupo esperantista.—Bonhumora poezio pri la pliboneco de Esperanto rilate ĝiaj malamikaj lingvoj.—*Arta alegorio de Esperanto.*

28.—«La Suno Hispana».—Versaro pri la patrina amo.—*Arta objekto.*

29.—«Tutmonda Espero».—Rakonto por la infanoj.—*Ĉiama abono al tiu ĉi revuo.*

## 2.—Temoj proponitaj de alilandanoj

30.—«D.ro L. L. Zamenhof».—Regno de homoj.—*Plena kolekto de la verkoj de l' Majstro riĉe binditaj kaj kun manuskripta dediĉo.*

31.—«Presa Esperantista Societo».—Fideleco.—*Belega portreto de D.ro Zamenhof, valoro Fr. 37'75 (15 Sm.)*

32.—«Belga Esperantisto».—Loka regiona legendo (laŭ libera temo) prozaĵo da 4-5 paĝoj.—*Branĉo de rozujo el fero forĝita longa je 45 cm. Belega artaĵo, specialaĵo de la urbo Antverpeno.*

33.—«Franca Esperantisto».—La plej bona originala rakonto, ne pli longa ol du paĝoj aŭ kvar kolonoj kiel la felietono de Franca Esperantisto.—*25 frankoj (Sm 10).*

34.—«Germana Esperantisto».—Internacia frateco per Esperanto.—*Plena kolekto de la verkoj de la firmo Moller und Borel, riĉe binditaj.*

35.—«Juna Esperantisto».—Juneco.—*Libroj el la katalogo de la Presa Esp. Societo, laŭ elekto de la premiita kandidato, valoro Fr. 12'50 (5 Sm.)*

36.—«La Revuo».—Respondo al «La Malhelpisto de l' Hezito», vidu paĝon 231, n.° 29 de «La Revuo».—*Unua premio.—200 frankoj (Sm. 80).*

«Verda Stelo» (Meksikujo).—*Dua premio* por respondo al «La Malhelpisto de l' Hezito».—*10 Piastroj (Sm. 10).*

37.—«Lingvo Internacia».—Ni fosu nian sulkon!—*Libroj el la kolekto de L. I. (aŭ de la Presa Esp. Societo), laŭ elekto de la premiita kandidato, valoro Fr. 25. (10 Sm.).*

38.—«Paris-Esperanto».—Kiaj estos la konsekvencoj de la aerflugado por la vivado de la homoj?—*25 frankoj (Sm. 10).*

39.—«Pola Esperantisto».—La plej bona monologo, preferinde el la vivo esperantista.—*1.e Belebinditaj jarkolekto de «Pola Esperantisto» por la jaro 1908 kaj ĉiuj literaturaj eldonoj de «P. E.», kiuj aperos antaŭ la Barcelona Kongreso.—2.e Jarkolekto de «P. E.» por la jaro 1908 kaj ĉiuj literaturaj eldonoj de «P. E.» en simplaj kovriloj.—3.e Jarkolekto de «P. E.» por la jaro 1908 belebindita.*

40.—«The British Esperantist».—La historio de Esperanto, verkota en manuskripto da 3.000 ĝis 10.000 vortoj.—*40 Sm.*

41.—«Tra la Filatelio».—Poezio pri Filatalio.—*20 frankoj da poŝtmarkoj laŭ katalogo.*

Por la Komitato de la Unuaj Esperantistaj Floraj Ludoj.

La Sekretario,
J. PUJOL.

Aprobita de la Loka Organiza Komitato de la Va Kongreso en kunveno okazinta la 5 de Februaro 1909.

En ĝia nomo, la prezidantoj de la fako Floraj Ludoj.

CARLO BOURLET. G. VILA ROCA.

# MESINO

*Al mia kara amiko, Kapitano V. Inglada.*

Kiel la tuthomaro terursvenis
Nepre vidante tian hekatombon,
Monstra klopod' de io, kio penis
Fosi por tuta urbo egan tombon!
Dio la sama, kiu ĵus malbenis,
Ankaŭ al Noe sendis packolombon,
Sed la homar' sin ŝovas sur la tero
Ĉiam tremante pro la mortmistero.
Jen ve Mesino tiu urb' itala
Staris hieraŭ, kaj la mar' perfida
Dolĉe ĝin kisis per ondar' kristala,
Kie sin kaŝis dezireg' avida.
Ne sen ialo estas tiel sala
Ĝia akvaro trompa kaj insida,
Tial ke ĝia ĉarmo nin delogas,
Kaj ĝi eterne tamen primensogas.
Kio hodiaŭ restas ĉe la loko,
Kie la ŝorco siajn riĉdonacojn
Estis seminta, kaj dum tempepoko
Homoj starigis domojn kaj palacojn?
Tondris Apokalipsa nokta voko,
Tero spruĉigis raŭkajn mortminacojn,
Kaj la laboro tiu de jarcentoj
Jen renversiĝis teren je fragmentoj.
Antaŭ moment' trankvilo regis ĉie
Sub stelohava blua noktĉielo,
La mesinanoj dormis nekonscie,
Io anoncis ne pri terribelo;
Ili vekiĝis kiam konvulsie
Nova ŝancelo sekvas post ŝancelo;
Ili el siaj litoj sin elĵetis,
Kaj al Madono vane helpon petis.
Kia febrema homa fantazio
Povas al si figuri la bedaŭron
De l' homamaso, kies agonio
Ĝin turmentegas longan tempodaŭron?
Por liberigi sin de l' tragedio
Iuj foriĝon provas, iuj kaŭron,
Sed ne ankoraŭ Morto sangon satas
Kaj la malfeliĉulojn ne kompatas.
Jen pli rapide vipas la tertremoj,
Ŝiras l' aeron krioj pro teruro,
Tie mortigas homojn ŝtonaj premoj,
Tie-ĉi renversiĝas alta muro;
El la mortantoj elŝiriĝas ĝemoj,
Tra la malhelo daŭras la forkuro,
Kaj la bruego de la disfalado
Ja de gigantoj ŝajnas batalado.
Kvazaŭ la maro sian ondegaron
Estus verŝinta tutan sur la teron,
Diskrevigantan pove ĉiun baron
Oni ekvidas de monstraĵ' aperon:
Ĝi surruliĝas urbon kaj kamparon
Ĉie lasante rubon kaj mizeron,
Nigra saŭmaĵo ĝian kapon kronas,
Ĝia buŝeg' sorbanta muĝe sonas.
Kaj ĝi antaŭeniras grandioze
Ĉiam kreskanta, ĉiam pli sovaĝa;
Ĝi ĉirkaŭbatas ĉion furioze,
Kaj la vidaĵon igas plej domaĝa.
Ŝajnas Mesino jam apoteoze
Kiel pentraĵo el pentrist' malsaĝa,
Sed ju pli grandiĝadas la detruo,
Des pli terura estas la terskuo.
Taga heleco fine el Mesino
La noktmalumon venke disforpelas,
Ĉio morteco estas kaj ruino,
Ĉion ankoraŭ la tertrem' ŝancelas.
Filoj sen patro, edzoj sen edzino,
Ilin retrovi frenezegaj celas;
Kaj de l' vunditoj la dronantaj plendoj
De l' rubamaso fluas tra la fendoj.

. . . . . . . . . . . . . . . . .

Ploru homaro pro la malfeliĉo,
Kiu l' italpopolon nun doloras,
Kaj pripensante pri la homkondiĉo
Ion ellernu, kion ci ignoras:
Multe da homoj nune por feliĉo
Kaj por fratec' tutmonda kunlaboras,
Kiam estonte ili plensukcesos,
La malforteco cia tiam ĉesos.

J. Morató.

Mahón.—Januaron de 1909[a].

# Los progresos del Esperanto

## ESTADISTICA GENERAL DEL ULTIMO TRIMESTRE DE 1908

| | Consulados | | Sociedades | |
|---|---|---|---|---|
| | 5 Octubre 1908 | 5 Enero 1909 | 5 Octubre 1908 | 5 Enero 1909 |
| En Europa. . . . | 241 | 254 | 858 | 992 |
| En todo el mundo.. | | 303 | 1.051 | 1.242 |

| Sociedades especiales y profesionales | | Prensa Esperantista | |
|---|---|---|---|
| 5 Octubre 1905 | 5 Enero 1909 | 5 Octubre 1908 | 5 Enero 1909 |
| 116 | 131 | 66 | 78 |

Estas últimas sociedades pertenecen á las secciones de Moral, Política, Religión, Artes, Ciencias, Industria, Comercio, Trabajo, Administración, Distracciones, Sports, Evangelista, Farmacia, Filatelia y diversas.

POR ITALUJO!!!

# FRATAMO!

Per diversaj rimedoj oni kolektis monon en Hispanujo por helpi la malfeliĉajn postvivantojn de la katastrofo de Mesino kaj Reggio; sed inter ili estas notinda tiu efektivigita de unu el la plej gravaj gazetoj ĉiutagaj de Madrido.

Tiu ĵurnalo titolita *A B C* eldonis eksterordinaran numeron konsistantan el 50.000 ekzempleroj, kiuj estis vendataj po unu peseto ekzemplero.

La numero enhavis 19 desegnaĵojn, 146 pensojn, 1 muzikfragmenton kaj belan portreton de la itala Reĝino Eleno kun notoj pri ŝia kunhelpo dum la savado de la suferantoj.

La kunlaborantaro de tiu numero estas la plej eminentaj literaturistoj, politikuloj kaj muzikverkistoj. En honora loko aperas bela penso de la hispanaj gereĝoj.

Ĉiuj oferdonis sindoneme sian scion kaj laboron por tiu fratama ago kaj la Eldona Firmo de la ĵurnalo elpagis la ceterajn elspezojn por eldoni la numeron. Eĉ la gazetvendistoj oferproponis sian laboron por la sengajna vendado de ekzempleroj.

Plie la aktorinoj el multaj hispanaj teatroj ankaŭ proponis sian helpon por vendi ili mem ekzemplerojn al la publiko dum la interaktoj de la teatraj prezentadoj.

Sekve, la 50.000 pesetoj, entute, produkto de la elvendado de tiuj ekzempleroj, estos sendataj al la bonanima itala Reĝino Eleno por ke ŝi difinu *kvin orfojn* de la

en sia koro por ilin kisi. (*Al Jozef-Ludoviko*). Vi ne rimarkis la mankon de dorlotoj kaj karesoj. Vi estis tre lerta pri kalkuloj, kaj sciis kion nia patro gajnadis... Mi ribeladis kontraŭ lia nejusta severeco, en mia koro protestadis... kontraŭ tiu amfarso, kaj tial mi estis la malbonulo, la perfidulo, ĉar... eĉ plej multe penante por tio, mi ne povis ami, nek respeti mian patron.

JOZ. (*Sin levas. Severe*). Vi ne respektis lin, vivantan, ankaŭ vi ne respektas lian memoron. Ni neniam konsentis estimante lin. Ĉar miaj sentoj estas pli respektindaj, kiel pli naturaj kaj indaj je filo, respektu ilin.

MAR. (*Ankaŭ sin levas. Sin turnante al unu kaj alia dezirante ilin interpacigi*). Jozef-Ludoviko!... Ĉu vi ne estas kolerigitaj? Forlasu rememorojn, forĵetu tiun suspekteman malkonfidon... Mi ja scias ĝin; unu malkonfidas pri la amo de la alia: jen la maniero neniam atingi la reciprokan amadon. (*Al Emanuelo*) Vi estas ne justa: Jozef-Ludoviko tiel multe deziradis vin revidi... (*Al Jozef-Ludoviko*). Kaj Emanuelo, kiam vi forestas, parolas al mi pri vi tiel ameme!... Kompreneble, vi estas ja fratoj... (*Altirante unu al la alia*). Ĉirkaŭpremu vin tre forte, tre forte... (*Ili sin ĉirkaŭpremas reciproke*). Kaj ĉirkaŭpremon al mi, kiu kunigu nin tri... (*Al Emanuelo*). Ankaŭ mi estas via fratino... kaj vi devas kredi al mia amo... (*Kun infaneca konfido*). Mi estas tre malsekretema... (*Mallaŭte*). Jozef-Ludoviko havas alian karakteron... Sed funde li estas tre bonkora.

EMAN. (*Ankaŭ mallaŭte al Mario, sed ne aparten.*

*Jozef-Ludoviko estas sin retirinta funden.*) Funde! Tion oni diris pri mia patro. Kiel grave, ke en la fundo de puto estas trezoro, se por atingi ĝin mi devas droni?

JOZ. (*Al Mario*). Ĉu vi intencas hodiaŭ eliri? Mi sendos al vi la veturilon. Mi iras al la borso.

EMAN. (*Kun komika malŝato*). La veturilon?... Ni ne bezonas vian veturilon.

JOZ. Sendube nova frenezaĵo!

EMAN. (*Al Mario*). Mi permesas al mi meti je via dispono la kaleŝon kaj la ĉevalparon, kiuj hieraŭ tiel multe plaĉis al vi.

MAR. Ne, Emanuelo. Tio estas sensencaĵo. Vi elspezis kapitalon por min regali.

EMAN. Ve, miaj karaj filoj! Ili estas falontaj en mizeron!

MAR. Vi povas ankoraŭ ilin havi.

EMAN. (*Serce*). Ne, tute ne. Vi jam sciis ĝin. La filoj estas tre maldankaj. Mi ne volus esti mia filo, kaj se mi estus filo mia, mi ne volus esti mia patro...

MAR. (*Kun rida mieno*). Kiaj malspritaĵoj! Nu, mi ne akceptas la donacon.

EMAN. Mi koleros (*Al Jozef-Ludoviko*). Kun tiu kondiĉo mi repacas kun vi. (*Ameme, metante sian brakon ĉirkaŭ lian kolon*). Malafablulo! Vi ja finos min amante! Unu ĉirkaŭpremon...

MAR. (*Komplezita*). Kara Emanuelo! Oni prave diras: malbona kapo, sed bona koro. Vi ja vidas, ĉu mi juste vin taksas.

EMAN. Ha, Mario! El vi ja fluadas amasoj da boneco; apud vi neniu povas esti malbona. Eĉ nur pro tio, ke li vin elektis kiel edzinon kaj li vin tre amas, mi devus ja ami mian fraton. Jes, sinjoro

frato; ĉion mi pardonas al via Moŝto, sed gardu vin esti malbona edzo... Iru al la borso, al viaj negocoj... Ĉu vi scias kion mi pensas? Dio volu, ke ĝi ne ŝajnu al vi malnoblega! Mi ĝojus, se ĉio al vi malprosperus, se vi perdus ĉion, se vi ruiniĝus... kaj tiam vi vidus, kia mi estas, mi, la fripono, la senkorulo... (*Jozef-Ludoviko lin ĉirkaŭpremas kortuŝite*).

MAR. (*Gaje*). Tiel plaĉas al mi!

EMAN. Mi estas tiel kontenta!... Mi ploras pro gajeco... Se vi scius, kio estas vivadi sola, sen iu, por kiu niaj ĉagrenoj aŭ niaj ĝojoj povas esti ĉagreno aŭ ĝojo!... Ne povi senpremigi la koron... Senĉese amasigi sur ĝin malĝojojn kaj ĝojojn kun neniu partigitaj... Ve, nepre ĝi devas malmoliĝi! Nun lasu, ke mi ploru kaj ridu ĉe vi, kiuj min amas kaj kompatas pro tio, kion mi sola ploradis... kaj estas hodiaŭ feliĉaj pro mia gajeco...

MAR. (*Kortuŝita*). Kara Emanuelo! Kiel bona vi estas!

EMAN. Mi estas bona! Ĉu ne vere? . Tion vi diras, tion ankaŭ diris mia patrino, la du plej bonaj personoj, kiujn mi konis. Mi devos ĝin kredi!

MAR. Ankaŭ tion diras multaj malriĉuloj, Emanuelo. Ĉion oni ekscias.

EMAN. Ne, ne. Kia merito, ke mi donacas tion, kio al mi malmankas!

MAR. Ankaŭ en Ameriko multaj senhelpuloj benas vian nomon, ĉar vi praktikis la bonfaradon kun amo.

EMAN. Kun amo? Ankaŭ ĝi malmankis al mi; vi ne min konvinkas. Vi nun vidos, kiel mi ŝparas la amon kaj la monon. Kaj se fine... kia diablo! Mi ĉi tien venis por unu Emanĉjo. Vi jam povas ĝin konduki al mi.

MAR. (*Malice*). Ni por tio sendos petoskribon.
EMAN. Ja, ja, multajn petoskribojn.
JOZ. (*Adiaŭdirante*). Do, mi sendos al vi la veturilon?
EMAN. Ne, frato; nenion pli pri tio.
MAR. Mi unuafoje uzos vian donacon. Sed vi min akompanos.
EMAN. (*Al Jozef-Ludoviko*). Ni iros por vi... Ĝis revido.
JOZ. Ĝis revido. (*Ili sin ĉirkaŭpremas*).

## SCENO VI

MARIO *kaj* EMANUELO. *Fine* LUDOVIKINO

MAR. Ĉu vi vidas, ke li estas tre bona?
EMAN. Malafabletulo, malafabletulo! Kion, do, mi dirus al vi? Vi ja tro lin konas!
MAR. Tre sinkaŝema karaktero, koro ne malfermiĝanta al la unua alveninto. Tre penige estas malbari ĝian enirejon!
EMAN. Estas personoj tiaj, kiel iaj loĝejoj; kun belega ĉambraro kaj malbona ŝtuparo.
MAR. Malmulte mi taŭgos, se mi ne sukcesos, ke vi amu unu la alian per vera frata amo!
EMAN. Mi venas avida pri amo! Tiel longe mi vivadis sola!... Fremda ĉie! Mia protektinto, mia vera patro, Don Gabriel, mortis iom post kiam, li min forprenis kun si. De tiam mi ne havis amikon, mi neniun havis. Nek nedaŭraj aventuroj, iluzioj de la amo, por trompi mian malgajegan solecon. Estas praktikaj animoj, kiuj scias tia-

maniere disdoni la koron por malprofundaj aminklinoj, ne donante ĝin tutan al iu, ke el mil amoj mildaj, trankvilaj, kunfaras plaĉan varmeton, kiu komfortigas kaj malpremas la koron... Mi ĉiam estis kuraĝega en miaj entreprenoj, ĉiam en ili mi kompromitis mian tutan kapitalon; en unu sama tago, la ruinon aŭ la riĉegecon. Tial mi timis ami, ĉar en unu solan amon mi estus demetinta mian plenan koron, mian tutan animon... kaj eble ĝi estus kaŭzinta mian ruinon! Mi estis tre feliĉa en miaj entreprenoj. Eble la sorto estus sin venĝinta! Pretendi por ĉio feliĉon estis ĝin vetbatali.

MAR. Tial same ke vi ne malboneluzis vian koron, vi trovos por ĝi indan okupadon. Mi ĉiam kredis, Emanuelo, ke vi estas bona; vi meritas esti feliĉa.

EMAN. (*Sidanta sur seĝego aŭ chaise longue, ekdormiĝanta*). Ni atendos la okazojn. Mi estas lacega kaj ne volus rekomenci vaganta la migradon.

MAR. Ne, Emanuelo, ripozu. Ripozu kaj pensadu en la konstruo de via hejmo.

EMAN. Jes, Mario. Dume, lasu en la via lokon al tiu ĉi transfluga birdo.

MAR. (*Ameme*). Ĉu vi deziras dormi? Vi kuŝiĝis tiel malfrue!...

EMAN. Estas tia mallaŭtego, tia trankvileco en tiu ĉi domo!...

MAR. Dormu... (*Paŭzo*).

EMAN. (*Mallaŭte, duondormanta*). Mario!...

MAR. (*Ameme alproksimiĝante*). Kion? Emanuelo...

EMAN. Nomu min frato.

MAR. Frato!

EMAN. Tiel .. Estis mia iluzio havi fratinon...

MAR. Vi jam ŝin havas.

EMAN. (*Jom post iom dormiĝanta*). Jes... Kiel bona... kiel bela! Vi... kaj mia patrino... (*Restas dormiĝinta*).

MAR. (*Rigardante lin atente*). Kara Emanuelo!... Li estas infano!

LUDOV. (*En la pordo*). Mastrino...

MAR. (*Altrudante silenton*). Ĉist!... Mi iras. Ne bruu. (*Montrante Emanuelon*). Sinjoro Emanuelo dormas. (*Eliras*).

FINO DE LA UNUA AKTO

# AKTO DUA

*Eleganta kabineto*

## SCENO UNUA

JOZEF-LUDOVIKO *kaj* EMANUELO, *sidantaj*

EMAN. Mi ne kredis, ke vi revenus tiel frue. Tiuj aferoj estas tiel komplikkonfuzaj.

JOZ. Dank' al mia interveno ĉio povis ĝustatempe aranĝiĝi. Mi faris bone ne ĝin prokrastante. La monkvanto estis sensignifa kaj la afero estis pri unu el miaj korespondantoj plej estiminda pro lia honesteco kaj aktiveco. Neniel mi povis toleri, ke li estu bankrotinta. Sed ĉiutage la negocoj min plilacigas, mi taŭgas por nenio... tiu ĉi vojaĝo, tiu ĉi afero kaŭzis al mi tian ĝenecon, tian ekscitiĝon...

EMAN. Mario restis kun ĉagreno, ĉar ŝi lasis vin forveturi. Ŝi timis, ke la vojaĝo estus al vi malutilonta. Kion vi ne devis fari, tio estis foriri sola; ĉar mi konas vian karakteron kaj vi energie malkonsentis, mi ne insistis por vin akompani; sed mi devis tion fari.

JOZ. Vi estis ĵus veninta post vojaĝo longa, peniga

kaj ĉu vi devus vin ĝeni?... Kaj plie, Mario restus sola... kun sia malgaja karaktero...

EMAN. Kiel bona estas Mario! Ĉu ne vere? Bone mi havis okazon taksi kion ŝi valoras! (*Paŭzo*). Mi alvenis Hispanujon, jam kun ĉagreno esti farinta la returnan vojaĝon. Estis al mi malgaje senti min ĉie malgaja. Sed reveni mian patrujon kaj ankaŭ min trovi fremda en ĝi!... Kiu memoris ankoraŭ pri mi? Kiu min atendus? Vi, jam edzigita... ni ambaŭ disiĝis preskaŭ infanoj kaj nia patra amo kunportis envolvite ĉiamdaŭrajn ofendetojn kaj konkurojn... Nia patro vin preferis kaj min nia patrino... La batalado estis ĉe ni senĉesa... kaj vi ĉiam venkadis! Ni disiĝis sen malgajeco, ni apenaŭ komunikis unu la alian; unu letero iam post iam. Vi ja vidas, kion mi povis de vi esperi revenante! Mia unua intenco estis iri en hotelon. Kaj atentu, kia mi estas! Kiam mi estis tuj dironta la adreson de iu hotelo al la servisto, kiu portis en veturilon miajn valizojn, ŝajnis al mi, ke la tero malfirmiĝas sub miaj piedoj... kaj kun larmoj en okuloj, dum ekpuŝego de mia koro, mi diris la adreson de via hejmo... Ĝi estas la hejmo de mia frato!... Tiel, mi fiere diris. Mia frato!... Mi sentis honton kaj doloron pro tio, ke oni kredu min fremda en mia naskolando. Mi eniris vian hejmon, malkonfide, suspekteme. Viaflanke, vi same min akceptis. Bah! mi pensis: mi plenumos tiun ĉi familian devon, mi restos unu semajnon... kaj ree vagadi, jen estas mia destino. Kaj, vi tion vidas, la malkonfidoj disiĝis, ni konfidas hodiaŭ al nia amo kaj mi ne pensas foriri... Mi ne volas ĝin pensi. Mi, kiu

tertremoj kaj disdonu al ĉiu unu pension je 10.000 pesetoj, kiel bazon por ilia estonta edukado kaj vivo. Jen esperante tradukitaj, kelkaj el la pensoj publikigitaj en la supreuomita numero.

## Penso el la Hispanaj Gereĝoj

«Ne ekzistas ligo pli sankta inter la popoloj kaj la Reĝoj ol tiu, kiu fondiĝas dum la danĝeraj momentoj por defendi la patrujon aŭ dum la horoj de korpremo kaj nacia maltrankvileco kiam ĉiuj unuigitaj helpas per la Bonfarado la malfeliĉajn kunfratojn!».—ALFONSO XIII—VICTORIA EUGENIA.



«Helpante *A B C* kvin malfeliĉulojn montras al ili praktike konfidon kaj kredon pri Dio.

Tiu estas la vera *A B C* de la kristanismo: Fido, Espero kaj Bonfarado.»—El MANUEL CASTILLON Y TENA, *Senatano.*



Post kelko da jaroj en hejmo de Mesino, geedzoj ĉirkaŭataj de geinfanoj parolante pri geamanta historio rememoros kiahazarde ili sin ekkonis reciproke.

—Ĉu ci memoras? Ĝi okazis la tagon de la tertremo. Ni serĉis inter la ruinoj la korpojn de niaj karuloj, niajn gepatrojn, niajn gefratojn... Tiel ni ekkonis nin reciproke kaj tie komencis nian amon. Ŝajnas nekredeble ke el tiom da malfeliĉoj naskiĝis tiu ĉi feliĉo!—Ili diros ridetante al siaj gefiloj, kiuj aŭdos raporti kvazaŭ timigan rakonton la teruran katastrofon.

Ho, glora vivo! kiu eĉ kiam ci parolas al ni pri morto ci estas vivo!»—El JACINTO BENAVENTE, *Drama Aŭtoro.*



«Antaŭ la kirasŝipoj, kiuj rondiris la sicilian maron, Naturo fanfarone gestis: «Rigardu, tion oni faras tiel» kaj dum malpli ol dek minutoj kelkaj urboj kun 200.000 personoj ruiniĝis. Sed la rusaj maristoj respondis per alia gesto. Elŝipiĝis kaj diris: «Ne; tion oni faras tiel» kaj kunprenante la orfajn geinfanojn vartis ilin kvazaŭ patrinoj, donante al ili por suĉi siajn fingrojn ŝmiritajn per sukero...

Naturo havis la forton: la homo aldonis al la forto la piecon!»—El JOSÉ MARÍA SALAVERRIA, *Verkisto.*



«Frenezaj ambicioj! Gloraj deziregoj! Militoj!

Ĉasadoj de homo kontraŭ homo...! kaj iam post iam la Tero, per mortiga ektremo, kiu apenaŭ ekmovas ĝian ŝelon, rememoras al ni nian etecon».—El VICENTE BLASCO IBAÑEZ, *Novelisto.*



«La Religio instruas ke ĉiuj homoj estas fratoj; la Bonfarado tion elmontras.»—El EDUARDO DATO, *Politikulo.*



1. «En tiu tempo diris la homoj: Ni starigu kontrakton, kiu antaŭgardos nin kontraŭ la milito; kaj sendis delegitojn al Holando.
2. Kaj la delegitoj parolis per malsamaj lingvoj; kaj ili ne komprenis unu la alian; kaj ili disiĝis.

3. Pli poste la internaĵoj el la Tero ektremis: kaj la skuo detruis urbojn, malmultigis familiojn.

4. Kaj la homoj sin sentis fratoj; kaj iliaj koroj parolis per unu sola lingvo.»—El GABRIEL MAURA, *Deputato.*

★

«La terurega katastrofo de Italujo certe taŭgos al la estontaj artistoj por simboligi la Abnegacion per la figuro de Reĝino Eleno al kiu la tuta mondo submetiĝe prezentas ĝian fidelĵuron, kiel entuziasman pruvon de admiro, konsiderante ŝin Reĝinon de la Bonfarado.»—El MANUEL GARCÍA PRIETO, *Eks-Ministro de Justeco.*

★

«La Homaro ektremas antaŭ la krueleco de Naturo. Pro manko de kutimo. Se Naturo ektremus ĉiufoje, kiam ĝi rigardas la homarajn kruelecojn!»—El FRANCISCO ACEBAL, *Verkisto.*

★

«Kial miri ĉar sicili 'anoj kaj kalabri 'anoj obstine penas por rekonstrui siajn hejmojn? Ĉu tiujn reenglutos la Tero?

Ĉiujn konsumos tiu, kiun ni surpaŝas.

Kaj, tamen, sur ĝi ni vivadas, ĝojas, dancas.»—El FÉLIX DE LLANOS Y TORRIGLIA, *Deputato.*

NOVEJARQUE (ANĜELO)

---

**GRACIAS.**—LA SUNO HISPANA las envía muy expresivas á cuantos han enviado donativos en virtud del llamamiento inserto en el pasado número. Sirva como acuse de recibo la siguiente nota:

Grupo «Tero kaj Libereco», de Barcelona: 5 ptas.—F. S.: 10 ptas.—J. C.: 3 ptas.—J. M.: 2 ptas.—A. P.: 0'90 ptas.—D. Francisco F. Braga: 1 pta.—D.ª Inocencia M. Alvarez: 1 pta.—D. Manuel M. Tablado: 1 pta.—D.ª María G. Menéndez: 1 pta.—P. L.: 25 ptas.—N. M.: 25 ptas.—V. M.: 1 pta.—J. Ch.: 1 pta.—Total: 76'90 pesetas.

---

# Nuevas revistas

*La Pioniro.*—Budapest. Órgano oficial de la Sociedad Esperantista de Hungría «Studentgrupo».

*Kuba Stelo.*—Santiago de Cuba. Órgano oficial de la Sociedad Esperantista de Cuba.

*Esperanta Meksiko.*—Méjico. Perpetua, 5, Mexico.

*Bulletin de Groupe Esperantiste du Creusot.*—Boletín del Grupo de Le Creusot. Francia.

*Dia Regno.*—Alemania. Mülhein a. Rhein. Este periódico es el que se publicó el año anterior con el título *Esperanto en la servo de la Dia Regno.*

*Exsport Esperantist.*—Chicago. Periódico cuyo objeto es facilitar las relaciones comerciales de todo el mundo.

*Greklingva Esperantano.*—Turquía Asiática. Órgano oficial de la Sociedad Esperantista de Samos. Redactado en Esperanto y griego.

La revista *Espero Katolika,* cuya publicación se hallaba interrumpida desde el mes de Julio, por enfermedad de su director el abate Sr. Peltier, ha reaparecido (Enero-Febrero), habiendo trasladado su redacción á París, rue Béranger, 10, y su administración, 23, rue Joubert. Su redactor jefe es el Sr. Claudius Colas.

# Memorindaj datrevenoj de Marto

1.—1778. Traktaĵo de Parizo inter Hispanujo kaj Portugalujo.
2.—1855. Mortas la caro Nikolao I-a.
3.—1847. Naskiĝas en Edimburgo G. Bell, elpensinto de la telefono.
4.—1493. Kristoforo Kolumbo elŝipiĝas en Lisabono ĉe sia reveno el Ameriko.
5.—1827. Mortas la fama astronomiisto Laplace.
6.—1474. Naskiĝas la glora artisto Miguel Angel Buonarroti.
7.—1882. Milano I-a estas proklamata Reĝo de Serbujo.
8.—1784. Naskiĝas en Milan'o (Italujo) la grafo Manzoni, aŭtoro de *I promessi sposi* (La Estontaj Geedzoj).
9.—1661. Mortas en Parizo la kardinalo Julio Mazarino.
10.—1895. Ŝippereo de la hispana krozŝipo Reina Regente (Reganta Reĝino).
11.—1895. Mortas en Milan 'o (Italujo) la glora historiisto Cesar 'o Cantú.
12.—1648. Mortas la famkonata poeto hispana Tirso de Molina.
13.—1858.—Publika ekzekuto de Orsini kaj Pietro, kiuj atencis kontraŭ la vivo de Napoleono III-a.
14.—1800. Pio VII-a estas proklamata Papo.
15.—1889. Mortas en Bilbao (Hispanujo) la fama verkisto Trueba, aŭtoro de *Cuentos de color de rosa.* (Rozkoloraj Rakontoj).
16.—1792. Gustavo III-a, rego de Svedujo estas mortigata.
17.—1893. Mortas en Parizo la eminenta politikulo Julio Ferry, prezidanto de la Franca Senato.
18.—1822. Mortas en Parizo Valenteno Hany, elpensinto de la reliefa skribo por la blinduloj.
19.—1900. Terurega skandalo en la Cirko de Taŭrofestoj de Barcelono (Hispanujo).
20.—1727. Mortas la glora scienculo angla Newton.
21.—1875. Mortas la fama historiisto kaj poeto franca Edgard Quinet.
22.—1832. Mortas en Weimar la glora germana poeto Goethe.
23.—1781. La fama astronomiisto Herschel eltrovas la planedon *Uranuso.*
24.—1809. Naskiĝas en Madrido (Hispanujo) la fama verkisto Mariano Josefo de Larra (Figaro).
25.—1792. Oni starigas en Francujo la gilotinon, elpenso de la kuracisto Guillotin.
26.—1827. Mortas la glora muzikverkisto Beethoven.
27.—1378. Mortas la Papo Gregorio XI-a.
28.—1899. Marconi eksperimentas la senfadenan telegrafon inter Vimereux kaj la lumturo de Foreland.
29.—1852. Napoleono III-a sin deklaras diktatoro.
30.—1778. Voltaire estas kronata en la Franca Teatro de la Komedio.
31.—1596. Naskiĝas la glora filozofo Descartes.

Kolektis kaj tradukis.
ESP-ISTO 17.206.

# Hispana Societo p. p. Esperanto

Unuanime oni elektis por tiu Societo la jenan Direktan Komitaton:

Por unanimidad quedó elegida la siguiente Junta Directiva:

Presidentes Honorarios: Dr. L. L. Zamenhof y D. Ricardo Codorníu.—Presidente efectivo: D. Manuel Esteban.—Vicepresidente: D. Rafael Mejorada.—Secretario honorario: P. Antonio Guinart.—Secretario efectivo: D. Ignacio Casas.—Cajero: D. José Santos.—Vocales: D. Rogelio Pérez, D. Juan Antonio Martínez, D. Vicente Alonso, D. Carlos Duquesnay, D. José Sarmiento, D. Fermín Fernández y D. Celestino Merino.

Al ĉiuj ni sendas niajn plej korajn gratulojn.

*Avizo.*—De nun, por ĉiuj societaj aferoj, oni sin turnu al sekretario, S.ro Ignacio Casas, Puebla, 23.—Burgos.

A todos enviamos nuestra más cordial enhorabuena.

*Aviso.*—Para todos los asuntos concernientes á la sociedad, dirigirse al secretario D. Ignacio Casas, Puebla, 23.—Burgos.

# De otros países

*N. de la R.*—A causa del constante crecimiento de nuestro idioma, cuyas noticias se multiplican de día en día y para no privar á nuestros lectores de otras secciones interesantes, dándole más extensión á esta, nos vemos obligados á recoger en esta crónica solo un extracto de lo más interesante.

### ITALIA

*Bologna.*—En esta población tendrá lugar durante los meses de Marzo-Abril próximos, una Exposición de Arte, Trabajo, Alimento é Higiene, iniciada por la Asociación de Socorro Público *La Cruz Verde*. En esta Exposición habrá una Sección especial para lenguas auxiliares, especialmente para el Esperanto. Se editará una publicación titulada *Oficiala Revuo de l' Ekspozicio*, redactada en italiano y esperanto. Para las relaciones con los extranjeros *el Esperanto será la única lengua oficial* que se empleará. Informes sobre esta Exposición pídanse al delegado-representante Sr. D. A. Tellini, Bologna, Casella postale, 12.

### FRANCIA

*París.*—El Sr. Th. Cart, fué elegido el 19 de Diciembre presidente de la Sociedad Lingüística de París.

—El 27 del pasado Diciembre visitaron la Exposición Aereonáutica 800 esperantistas guiados por el Sr. Archdeacon, tan hábil aereonauta como esperantista. Discurso en Esperanto y canto de la «Espero». Debido á las crónicas que con regularidad publica el órgano de los aereonautas *L' Aero*, sobre el Esperanto, nuestro idioma cuenta con muchos entusiastas entre los adoradores de esta nueva ciencia.

*Le Puy.*—El Grupo Esperantista de esta población recibe una subvención de 100 francos del Ayuntamiento.

*Beauvais.*—El Sr. Gaudín, director de la banda del 51 regimiento de Infantería, ha arreglado como marcha militar nuestro himno *La Espero*, con acompañamiento de clarines y tambores. Todos los esperantistas deben pedir que en las bandas de sus respectivas localidades den á conocer esta marcha.

RUSIA

*Moscou.*—En una de las últimas fiestas que organizan nuestros samideanos de Moscou, entre otras cosas se representó el segundo acto de *La Revizoro.* Durante el concierto se vendieron folletos, conteniendo el texto en esperanto y ruso. A este acto asistieron cerca de 450 personas.

—En la Universidad de esta población se ha fundado un Grupo Esperantista, que ya cuenta con 150 socios.

*Nuevos grupos.*—En Jarennsk, (Nord-Rusujo) (tres sociedades esperantistas) y Serpuhov.

ALEMANIA

*Dresden.*—El hecho más notable últimamente ha sido el permiso *oficialmente dado por el Ministro de Estado de Sajonia* para fundar la «Institución Esperanto Sajona» en Dresden, bajo la dirección del Dr. Schranm. La Comisión está compuesta de personas eminentes y expertos esperantistas. La instrucción de los alumnos cuesta 5 marcos por 15 lecciones de dos horas. El profesor recibe 120 marcos por un curso. Se han organizado clases elementales y superiores, certificados de capacidad, etc., etc. Sólo la comisión regia tiene el derecho de alterar el plan de estudios y objeto de la Institución, que como se ve tiene la sanción oficial.

TURQUÍA ASIÁTICA

*Samos.*—En la Escuela Práctica para señoritas, comenzaron cursos de Esperanto, los cuales se ven muy concurridos. Los explica la señorita María Kairon, cónsul para señoras y señoritas en Samos de la U. E. A. En la Escuela Comercial de esta ciudad han empezado dos cursos de Esperanto.

*Aldino.*—El Esperanto es explicado regularmente en las escuelas turca é israelita, en el club «Verda Stelo» y en el titulado «Solidareco Esperantistina» (femenino). Esta población cuenta con 100 esperantistas (20 griegos, 50 israelitas, 20 turcos y 10 armenios).

INGLATERRA

*Londres.*—El Sr. Paul Blaise explica un curso de Esperanto en «Heltel 's School of Languages» donde también explica un curso de francés.

*Liverpool.*—En la importante «Unión de Instituciones de Lancasshire y Cheshire», se ha acordado introducir el Esperanto desde el próximo curso de 1909-10.

*Reading.*—En la última reunión de la «Unión de Educación Nacional», el doctor W. J. Clark leyó un discurso acerca de «El Esperanto como medio auxiliar para la instrucción de las lenguas modernas», llamó la atención sobre la rápida propagación del Esperanto en Inglaterra y otros países é hizo notar que nuestro idioma ha sido ya aceptado en «Oxford Local», en «La Unión Nacional de Maestros» y en la «Cámara de Comercio de Londres».

*Colonias.*—En Benarés (India), dió una conferencia el profesor J. N. Unwalla en «Lloy Memorial Lybrary Hall».

—En Durban (Natal), constantemente se propaga el Esperanto, por la propaganda del Grupo de dicha localidad.

—En Sidney (Australia), gracias á los esfuerzos del Sr. Wallace, se organizan cursos y cuenta ya con muchos samideanos aquel lejano país.

BÉLGICA

*Huy.*—La «Societé Anonyme des papetiers Godin & fils», ha editado una serie de 16 cuadernos, en cuyas cubiertas se inserta un curso de Esperanto. Muy recomendable es este papel por su buena calidad y que sólo cuesta diez céntimos.

*Bruselas.*—El Congreso Internacional de Dentistas, ha aceptado por unanimidad el Esperanto como lengua oficial del Congreso.

SUIZA

*La Locle.*—En esta población que cuenta con muchos esperantistas, se explican tres cursos: uno elemental, otro superior y otro para niños. El Sr. Privat dió varias conferencias y se organizan conciertos musicales, de declamación, funciones teatrales, etc.

*Meggen.*—El grupo de esta población ha fundado en ella un «Paraiso Esperantista» ó sitio de descanso de esperantistas. El encanto de la naturaleza en esta villa, ya estancia entre samideanos, contribuirá á que sea muy visitada, principalmente en el verano. En la próxima primavera, probablemente, tendrá lugar en esta población la reunión de «Svisa Esperanta Societo».

# Spritludoj kaj Diversajoj

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

*La du jenajn* SPRITLUDOJN *mi dediĉas al mia respektinda amiko, la fama matematikisto S.ro Roman Ayza.*

## PROBLEMO DE LA PUNKTOJ



De la 55 ĉi supraj punktoj forigu la necesajn por ke el la restantaj rezultu du kvantojn, kies sumo estas 39.

*Kiamaniere?*

## HIEROGLIFO

# S L M

*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.

Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en la postvenonta numero.

La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

---

Solvoj de la *Spritludoj* publikigataj en la antaŭa numero.

De la *Ŝakcevaliro*:

«Simpla, fleksebla, belsona, vere internacia en siaj elementoj, la lingvo Esperanto prezentas al la mondo civilizita la sole vèran solvon de lingvo internacia; ĉar tre facila por homoj nemulte instruitaj, Esperanto estas komprenata sen peno de la personoj bone edukitaj. Mil faktoj atestas la meriton praktikan de la nomita lingvo».

---

De la *Hieroglifo:* (M-eta Lo) Metalo.

Solvintoj de la *Spritludoj* publikigitaj en la Januara numero: E. Ĉefeĉ.

PENSO

Se vi havas dolĉan voĉon kaj manon kareseman, per unu fadeneto vi kondukos elefanton.—*El-Saadi.*

★

KONVINKIGA RESPONDO **(Spritaĵo)**

Ia soldato civilvestita renkontis la kapitanon de sia roto kaj tuj li vane penis sin kaŝi post ian arbon.

La morgaŭan tagon diris al li la kapitano:

—Kial mi vidis vin hieraŭ civilvestitan?

—Mia kapitano, ĉar la arbotrunko ne estis sufiĉe dika.

★

LA MALFELIĈA BLINDULO **(Anekdoto)**

La princino Matildo, kiu estis mendinta sian portreton al iu glora pentristo, iris ĉiumatene al lia laborejo tute incognite. Trairante la Ponton de la Artoj aŭdis plendan voĉon, kiu diris:

—Bela kaj bonfarema sinjorino, kompatu tiun ĉi malfeliĉan blindulon!

Tiu estis kompatindulo, kiu tenante inter siaj kruroj hundon, etendis pleton al la preterirantoj almozpetante.

La princino alŝovis arĝentan moneron kaj preterpasis. Tiu ĉi ago ripetiĝis kelkajn tagojn, sed iun matenon la princino, distrita forgesis la almozon.

—Kiel!—diris la almozulo.—Ĉu la princino forgesas hodiaŭ ĉi tiun malfeliĉan blindulon?

Surprizita la princino Matildo, haltis kaj demandis lin:

—Ĉu vi konas min, bona homo?

—Ha, jes, sinjorino! Kiam oni vidas vin unu fojon, neniam oni forgesas vin.

—Nu, kiel vi povas tion scii estante blinda?

—Ho, Princina Moŝto, kiu estas blinda ne estas mi, tiu estas la hundo!



UTILA KONINDAĴO

Kiu havas ĝardenon ne forverŝu la sapuman akvon; li devas utiligi ĝin kvazaŭ sterkon, surverŝante la kreskaĵojn.

Konvenas havi pretigitan sitelon kien oni devas enverŝi la sapumitan akvon por siatempe surverŝi per ĝi la kreskaĵojn.

KURIOZAĴO

Se la homaj estaĵoj daŭrigus kreskante ĉiam samproporcie ol dum la unua jaro de sia ekzistado, la infanoj havus je la deka aĝjaro preskaŭ dudekunu metrojn je staturo.



PROVERBO

«Kiu nur aŭdas unu sonon,
tiu nur scias unu tonon.»



MEMORINDA DIRO

Vidante la fama oratoro Nikostrato portreton de Eleno, pentrita de la famkonata Zeuxis'o, restis senmova pro admiro.

—Kial vi admiras tiome tiun pentraĵon?—lin demandis amiko.

—Por tion kompreni—respondis Nikostrato—estas necesege havi miajn okulojn.

SPECIALECOJ DE FAMULOJ

—La roma satirulo Lucilio verkis tiel rapide, ke li fanfaronis esti kapabla verki 200 versojn dum la tempo, kiam li restas staranta sur unu sola piedo.

—Oni raportas pri Shakespeare ke lia imago kaj lia verkrapideco estis samfacilaj. Ĉion, kion li imagis, li esprimis per tiel granda facileco ke preskaŭ ĉiuj liaj manuskriptoj estis sendataj al komponisto sen ia korektaĵo.

—Horacio Walpole verkis preskaŭ tutan sian «Kastelo de Otranto» 'n seninterrompe, finante ĝin ne pro intelekta laciĝo, sed ĉar liaj rigidiĝintaj fingroj neebligis kapti la plumingon.

Tradukis esperanten,
*Novejarque* (*Anĝelo*).

# KORESPONDADO

Fraŭlino Amparo Tamarit Bru, Strato Maldonado, 31, entr. Valencia-Hispanujo, deziras korespondi kun ĉiulandaj geesperantistoj. Ŝi respondos akurate.

—Fino. Ruth Rogers, North Amherst, *Ohio*, United States of America, deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kun alilandaj geesperantistoj. Ĉiam respondos.

—S.ro Solon. J. Orfanidis, *Via Smyrna*, Aidin, Azia Turkujo, deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kaj poŝtmarkojn kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---



Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.